


JARO 7, No. 5.
JUNIO 1955

# POST LA KONGRESO

Nia sepa finiĝis, kaj veninte hejmen, ni image travivas refoje la ĝojplenajn tagojn, pasigitajn en bela urbo Zurich.

Jam la zorge kompilita, belaspekta kongreslibro, antaŭsendita al la partoprenontoj, montris ke ĉiuj detaloj havis la plenan atenton de la organizantoj.

Eminentuloj el la Svisa Socia vivo bonvolis konsistigi la Honoran Komitaton de la kongreso. Akceptante la inviton de LKK, la sinjoroj G.Lepori, federacia konsilisto en Bern, estro de la Federacia Fervoja- kaj Poŝt- Departemento; D-ro H. Gschwind Bern, prezidanto de la Ĝenerala Direkcio de la Svisaj Federaciaj Fervojoj; D-ro W.Fischer Zurich, Direktoro de la Fervoja Distrikto III; F.Egger Zurich, Registara prezidanto de la kantono Zurich; D-ro E.Londolt, urbestro de Zurich; W.Thomann, urba konsilisto Zurich; Prof-o D-ro Edmond Privat, Neuchâtel Honora Prezidanto de Radio Geneve; E.Fell, Bern, prezidanto de Svisa Fervojista Sindikato kaj E.Birbaum, Bern, prezidanto de Unuiĝo Arta kaj Intelekta de Svisaj fervojistoj, montris favoron kaj simpation al nia movado.

Jam sabaton vespere LKK bonvenigis la unuajn partoprenantojn en la ĉefstacidomo de Zurich, kaj depost tiu tago ĝis la fino de la kongreso ĉiuj anoj de LKK estis plene okupitaj preskaŭ seninterrompe.
Dank'al tio, ĉiuj aranĝoj admirinde glate marŝis. Kvazaŭ influitaj de la bona ekzemplo la kongresanoj ekzakte plenumis la avizojn kaj konsilojn donitajn de LKK, kaj montris sian interesiĝon al preskaŭ ĉiuj aranĝoj.

La bone vizitataj laborkunsidoj pruvis ke estas granda avantaĵo okazigi ĉiujn kunvenojn en la sama konstruaĵo.

Tre instruaj estis la kunsidoj de la ĉefestraro kaj la delegitoj, kies raportadoj estas plenvaloraj kiel montrilo por la vojo laŭ kiu ni povas atingi rezultatojn.

En la kunsido de la Terminara Komitato la Franca sekcio, sub gvido de nia amiko Blondeaux preparis al ni grandan surprizon, prezentante la belaspektan kajeron kun 5000 fervojaj terminoj.
F-ino Lemonnier sciigis, ke la Franca Fervojo SNCF intencas eldoni novan kvin-lingvan *Lexique Technique Ferroviaire* kun 7 - 8000 vortoj.

En la koncerna letero la Administracio skribis al ŝi: *Ni projektas estontece aldoni aliajn lingvojn. Ne estas neverŝajne ke inter tiuj lingvoj troviĝos Esperanto. Kompreneble en kazo de akcepto de Esperanto ni petos la kunlaboradon de IFEF*.

Jen la brila rezultato kaj valora promeso sekve de la laborado de niaj francaj amikoj.

Komitatanoj el kelkaj aliaj landoj raportis pri la daŭra laborado por kompletigi la terminaron Esperanto-nacilingvan.

La fakaj prelegoj estis altnivelaj kaj interesaj. Kun admirinda disciplino kaj entuziasmo ĉiuj landoj preparis siajn ampleksajn raportojn kaj sendis elokventan preleganton.

Amiko Walder surprizis la ĉeestantojn per sia speciale ĉarma prezentado de la temo.

Inda al fervojistoj, ĉiuj tiuj aranĝoj okazis ekzakte je la difinita horo.

Kompreneble ankaŭ la distra parto de la kongreso havis la interesiĝon de la partoprenantoj.

Agrablan kuneston ebligis la Interkona Vespero; efektive solena estis la Solena Malfermo; ĝuinda la filmvespero kaj eksterordinare bela la Folklora Vespero. Ankaŭ tiuj kulturaj aranĝoj okazis en Limmathaus. Estraranoj kaj delegitoj, kiuj loĝis en tiu sama konstruaĵo ne perdis tempon per senĉesa kurado de unu domo al alia.
Eĉ por enkestigi la forsendotajn bildkartojn oni apenaŭ bezonis eliri, ĉar la poŝtaŭtomobilo kun deĵoranta esperantistino staris flanke de Limmathaus en la tuja proksimeco.

Multajn partoprenantojn allogis la interesaj fakaj ekskursoj.
La boatekskurso sur la lago, iom tro malseka pro la senĉesa pluvado, tamen plezurigis la partoprenantojn, ĉar ĝi donis bonan okazon por interbabilado kaj komuna kantado.

La virinoj, ravitaj pro la belaj ekskursoj speciale por ili aranĝitaj, senescepte laŭdis la anojn de la LKK tiom entuziasme, ke la edzoj sentis ŝanceliĝi la fundamentojn de la hejma feliĉo.

Neforgesebla okazintaĵo fariĝis la postkongresa ekskurso al la narcisaj kampoj de Les Pleiades.

La komuna manĝado en la belaj kantinoj de SBB estis ĉiutage revenanta plezuro por la partoprenantoj.
Koncize dirite: nia sepa fariĝis brila dukceso por la fervojista Esperanto-movado, kaj en la nomo de ĝiaj anoj la estraro tutkore dankas la amikojn Bipp, Walder, Sonderegger, Nol kaj iliajn helpantojn por la ekzempledona aranĝado de la kongreso.

Cetere ni donas la parolon al geamikoj Zoratti, kiuj en ĉi tiu Bulteno nepre deziras malŝarĝi la danko-plenajn korojn.

Sabaton post la kongreso en Zurich malgranda karavano de diversnaciaj amikoj vojaĝis al Homburg por partopreni la konferencon en Saarlando. Tie akceptis ilin la konferenca komitato, konsistanta el nia entuziasma amiko Oskar Hoh kaj liaj aktivaj helpantoj B.Gerhardt kaj Hugo Strullmeier.

Krom tiuj sinjoroj ĉeestis la afabla Pastro Bergweiler kaj kelkaj anoj de la loka grupo, kies ĉarmaj aninoj afable akompanis la partoprenantojn al la diversaj tranoktejoj.

En tiu sama vespero okazis la oficiala akcepto en la belege aranĝita festsalono de Homburg. Ĉeestis multaj interesuloj kaj anoj de la Saarlanda Esperanto-movado.

En belaj paroladoj esprimis simpation al nia laboro la sinjoroj Landrat Bungart; Beigeordneter Gerber (Stadt Homburg); Omlor, la prezidanto de la Saarlanda Esp-Asocio; Dekano Bergweiler kaj Sindikata sekretario Weber. Post tio la prezidanto de IFEF, s-ro W.Stapel alparolis la ĉeestantojn, kaj fine la diverslandaj delegitoj faris mallongan salutparoladon.

S-ro Omlor kaj instruisto Becker el Frankenholz majstre tradukis la parolintojn. Bela muziko agrable interrompis la paroladojn.

Intima babilado kaj balo ĝis la frua mateno plezurigis la ĉeestantojn.

Dimanĉon matene okazis katolika diservo en Esperanto, kiun celebris la perfekte parolanta pastro Bergweiler.

Post la intima komuna manĝado en bela restoracio la partoprenantoj faris belan ekskurson en la ĉirkaŭaĵo kaj en la vespero ili libere konversaciis en kunveno.

Lundmatene la malgranda karavano vojaĝis al Saarbrucken por la oficiala akcepto en la urbodomo, die ili estis malavare regalataj post la salutparoladoj.

La laborkunsidon en la konsilantara ĉambro ĉeestis la Direktoro de la Saarlanda Fervojo, kiu kun plena atento sekvis la prelegojn de la diverslandaj delegitoj. Senkaŝe li montris sian grandan simpation al nia flue parolata lingvo.

Post la komuna manĝado en la kantino de la fervojo, la partoprenintoj preparis sin por la vojaĝo hejmen. Dank'al ilia laboro, ĉi tiu konferenco estis plensukcesa laŭ propaganda vidpunkto. Ĝi donis al la fervojistoj unikan okazon por propagandi nian lingvon. Tial la IFEF-estraro gratulas la konferencan komitaton kaj tutkore dankas Landrat des Kreises Homburg; Stadt Homburg; Eisenbahnen des Saarlendes Direkcion; Einheitsgewerkschaft I.V.Eisenbahn kaj Stadt Saarbrucken, kiuj per siaj subvencioj ebligis la aranĝadon de ĉi tiu sukcesplena konferenco.

de Jong.

## LOKOMOTIVO KUN GASTURBINO

Lokomotivo kun gasturbino estas dume en la tuta mondo nur unusola. Temas pri svisa lokomotivo, kies laborkapablo estas 2200 HP.

Laŭ faritaj eksperimentoj la terma efiko de tiu ĉi lokomotivo estas sole proksimume duona ol ĉe Diesel-lokomotivoj, sed estas eble forbruligi en ĝi malplivaloran nafton, do la ekspluatkostoj tiamaniere iom egaliĝas.

(Laŭ Ĉeĥoslovenská Železnice, jarkol II/3, trad. eto).

# PUBLIKA DANKLETERO AL LA LKK

Kiamamaniere mi povas danki la LKK de la 7-a IFEF-kongreso en Zurich? Ĉu mi havas taŭgajn vortojn por fari tion?

Unue kune kun la LKK mi devas danki ankaŭ la Direkcion de SBB pro la ĝentila kaj malavara donaco farita al mi kaj al mia rdzino. Ĝi havigis al ni legitimilon por rajti vojaĝi kun 50% rabato.
Tiel ni ŝparis 6000 Lirojn, sumon sufiĉe grandan por itala pensiulo. Poste la LKK postulis de mi nur duonon de la kongreskotizo.

En la aliĝilo ni petis al la sekretario s-ro Sonderegger, rezervi al ni dulitan ĉambron, se eble en la proksimeco de la kongresejo, ĉar la kruroj, kaŭze de la unua mondmilito ne permesas al mi marŝi kiel normala persono. Estis por mi ĝojo kaj surprizo, kiam la servistino de Limmathaus akompanis nin al la 1-a etaĝo, kaj malfermis la pordon de ĉambro 1. Tian faron oni nomas; Proverba svisa ĝentileco.

Laŭ mia modesta opinio la tuta kongres-aranĝo superas ĉiuj laŭdojn. La manĝaĵoj en la SBB-kantino estis bona kaj sufiĉe malmultekosta, kaj la ĉarmaj kelnerinoj faris ĉian eblon por kontentigi la gastojn.

La poŝtoficejo tre bone funkciis, kaj la oficistino tre bone parolis esperanton, tiel ke ne okazis miskomprenoj.

La solena malfermo estis vere impona, kaj post la mallongaj, sed tre interesaj paroladoj de la eminentuloj estis la vico al nia pioniro Prof. D-ro Edmond Privat, kiu elstarigis himnon al ĉiuj fervojistoj, sed aparte al la lokomotivestroj, ĉar tage kaj nokte la sorto de la vojaĝantoj estas en iliaj manoj. Inter unu kaj alia parolado la muzikistaro de la fervojistoj, sub gvidado de Prof. Eugen Rosler, ludis belegajn muzikverkojn.

La filmvespero pri Svislando estis por mi tre interesa, ĉar ĝis tiam mi ne havis okazon vidi la tutan svisan folkloron, kaj la filmo mem preparis nin por pli bone kompreni la folkloran vesperon, kiu okazis la sekvantan tagon.

Pri la motorŝip-ekskurso, mi devas riproĉi.......la LKK, ĉar oni forgesis mendi la sunon, tiel ke dum la kolektiĝo ĉe enŝipejo Burkliplatz, ni estis kiel duonfiŝoj kaj duonanasoj.....akvo sub kaj akvo super ni. Tamen dum la ŝipekskurso ni ĝuis belajn esperantajn kantojn, precipe la nederlandan kanzonon: En Majo. Kompreneble ankaŭ gajajn babiladojn.

La Folklora Vespero estis tre interesa, ĉar ĉiuj geludantoj estis veraj artistoj, sed mi devas aparte mencii la muzikiston, kiu ludis per grandega pipo. Mi opinias ke tiu stranga muzikilo estas maloftaĵo, kaj nur la svislandanoj povas ludi ĝin.

La vizito al la Lokomotiv-riparejo havis por mi specialan intereson. Kvankam mi deĵoris 35 jarojn en sufiĉe granda Itala lokomotiv-riparejo, tamen estis tre interesa la perfekta organiz-laboro de la fakaj metiistoj. Koran dankon al s-ro Walder por la belega klarigo, farita antaŭ la eniro, kaj ankaŭ al lia esperantisto-akompananto.

Ankaŭ la rondveturado tra la urbo estis tre interesa, ĉar ĝis tiam

mi ne havis la okazon viziti Zurich.
La virinoj havis la bonŝancon viziti ne nur la urbon, sed ankaŭ la Kooperativan Bakejon, kie la direktoro havigis al ili kukojn kaj trinkaĵojn....dum ni ŝvitis por daŭrigi la laborkunsidojn. Ne, tio ne estas justeco. Estonte ni devas ŝanĝi la programon: la virinoj devas laborkunsidi, kaj la viroj viziti Kooperativan Bakejon, se eble kun junaj kaj belaj akompanantinoj.

Bedaŭrinde pri la postkongresa vojaĝo al Les Pleiades mi povas diri malmulte, ĉar por bone priskribi la nekompareblan spektaklon, oni devas esti poeto.
Mi bone scias, ke mi multe ŝuldas al la Direkcio de SBB, kiuj havigis al ni la senpagajn rezervitajn vagonojn, sed mi devas danki ankaŭ la Direktoron de la Grimpanta fervojo, kiu ĝentile haltigis la trajnon por ke la gesamideanaro povu kolekti bukedon de belaj narcisoj.

Bedaŭrinde mi forgesis mencii la viziton al la kolonioj de la Konstru-kooperativo. La vizito donis al mi la eblecon vidi kiamaniere vivas niaj svisaj kolegoj. Tre interesa estis ankaŭ la vizito al la infanlernejo.

Mi multe envias tiun ĝentilan, malavaran, pacaman kaj demokratan popolon, kaj se iam mi renaskiĝas, mi volas esti Sviso.
Kaj por certigi min antaŭ ol foriri....mi faros esplorojn dekstren kaj maldekstren, kaj eliros nur kiam mi vidos multe da ĉokolado, aŭ la muzikiston kun grandega pipo, kiu estas bilde reproduktita ankaŭ sur la svisaj poŝtmarkoj.

Nu mi estas laca (certe ankaŭ vi) kaj mi donas la parolpermeson al mia kara edzino, Jen ŝi estas:

Tre estimataj s-roj Bi-Wa-So-No, mi estas tre dankema al vi ĉiuj, pro la interesa kaj gaja restado en Zurich. Specialan dankon mi sendas al la tre ĝentilaj akompanantinoj, kaj al la Direktoro de Kooperativa Bakejo pro la regalo per tre bonaj kukaĵoj. Same kore mi dankas la Direktoron de la grandaj magazenoj *Jelmoli*.

Ĉu estonte mi havos la eblecon redoni nur parton de tiu ĝentila gastigado? Se jes, mi estos tre kontenta.

Al ĉiuj dankon, dankon, kaj ankoraŭ dankon de la esperanto-balbutanta familio

Anĝelo kaj Pauline Zoratti, Italio.

**INVITO**

F E R N invitas eksterlandajn kolegojn al sia 9-a nacia kongreso, kiu okazos la 22-an kaj 23-an de septembro en Haarlem.
Tiuj, kiuj sufiĉe frue anoncas sin ĉe kolego G.G.van Veldhuizen, Cremerstraat 166, Utrecht, Nederlando, havos senkostan gastigadon ĉe samideanoj.

## LA SOLENA MALFERMO (LA 9AN DE MAJO)

Je la 20a precize la Fervojista Muzikistaro el Zürich, gvidata de la eminenta Direktoro Eugen Rösler, aŭdigas la unuajn sonojn en la feste ornamita salono de Limmathaus. Floroj kaj plantoj ĉirkaŭas la scenejon, sur kiu honorkomitatanoj, reprezentantoj de diversaj instancoj, LKK, la ĉefestraro de IFEF kaj la landaj delegitoj jam okupis siajn lokojn. Starante la ĉeestantaro aŭskultis la Svisan Nacian Himnon, post kio la prezidanto de LKK, kolego Bipp, tutkore bonvenigis la ĉeestantojn, inter kiuj, kelkajn eminentulojn, reprezentantojn de Fervojaj Direkcioj kaj Fervojistaj Sindikatoj.

Li kore dankas la ĝeneralan Direkcion de la Svisa ŝtatfervojo kaj aliajn instancojn ( i.a. la Sindikaton kaj la Svisa Esp-Asocio), kiuj ebligis al LKK organizi la 7an IFEF-kongreson. Speciale li salutas la delegitojn el malproksimaj landoj, kiuj oferis noktripozojn por atingi la kongresurbon. En la mondo ekzistas lingvaj baroj, kiuj formas gravan malhelpaĵon por la rilatoj inter la homoj diversnaciaj. Ke nia kongreso kontribuu al la kompreno ke tio absolute nenecesas. LKK deziras al la kongreso sukcesplenan laboron.
Sekvis muziko.

S-ro W. Thomann, Urba konsilisto, estro de la komunuma oficejo por industriaj servoj en Zürich, alparolis la kongreson nome de la urbestraro. * Tre estimataj ĉeestantoj. Nome de la urbo Zürich kun 400000 enloĝantoj kaj de la svisaj progresemaj homoj mi bonvenige salutas vin en nia urbo. Krom gravaj industribranĉoj Zürich havas montojn, multe da akvo kaj artaĵojn. Al via kongreso mi deziras fruktedonan laboron kaj grandan sukceson sed mi tamen esperas, ke vi trovu apud viaj gravaj diskutoj kaj problemoj tempon por ĝui plene la belecon de la lando kaj nia urbo Zürich.

S-ro D-ro Hertli, delegito de la Ĝenerala Direkcio de la svisaj federaciaj fervojoj, Estro de la sekcio por la dungitaro de la 3a regiono de la federaciaj fervojoj en Zürich, salutas nome de la Fervoja Direkcio Svisa. Jam matene en la estrar-kaj delegitarkunveno li rimarkis la facilan interkompreniĝon per Esperanto inter la delegitoj el 15 nacioj. Antaŭ du tagoj li petis informojn pri la lingvo kaj kvankam ne ĉion, li jam komprenas multon de la paroladoj en Esperanto. En sia parolado li laŭtlegis kun bonega prononco tekston en Esperanto.
Nome de la Ĝenerala Direkcio li deziras al la kongreso la plej deziratan sukceson.

S-ro kortega konsilisto Hugo Steiner el Vieno, reprezentanta la Ĝeneralan Direkcion de la Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj, deziras al la kongreso plenan sukceson kaj esperas, ke la kongreso alportu grandan evoluon de sia kara lingvo.

Nome de la transportentrepreno * van Gend en Loos*, flankenentrepreno de la Nederlandaj Fervojoj, S-ro J.J.Labordus dankas pro la invito la kongreson. La entrepreno ĉiutage spertas la lingvajn malfacilaĵojn kaj pro tio konas la gravecon de komuna lingvo. Ke via kongreso estu fruktedona.

S-ro Hjalmar Olsson reprezentas la Svedajn ŝtatfervojojn kaj la Fervojistan Sindikaton en Svedio kaj transdonas la bondezirojn kaj salutojn. Kiam la homoj ne komprenas Esperanton ili ne estas favoraj al ĝi. Via kongreso faru, ke oni komprenu la lingvon, tiam ĝi certe estos sukcesplena. Li esperas, ke la venonta kongreso estu en Stokholmo.

S-ro Dro Edmond Privat, Honora Prezidanto de Radio Ĝeneve, atentigas, ke Radio Ĝeneve regule elsendadas ĉiumerkrede programon pri la trafiko transrela, surstrata aŭ tra la aero kaj pro tio ricevas multajn demandojn pri lokomotivoj, vaporfunkciado, hortabeloj, elektraj lokomotivoj, krome donkleterojn pri la grava helpo de fervojistoj rilate perditajn objektojn, ktp. Radio Ĝeneve fariĝis interligilo inter fervojistoj kaj vojaĝantoj. La fervojisto fakte estas la simbolo de konfido (lokomotivestroj, la tiom helpemaj kontrolistoj, la sinalisto, ĉiuj havas gravan respondecon. Li do fakte parolas nome de multaj landoj ĉar la reloj ja neniam finiĝas kaj iras de kontinento al kontinento. Li ĝojas, ke infanoj ofte petas kiel kristnaskan donacon, fervojistan uniformon aŭ fervojajn ilojn kaj opinias ilin pli bonaj ol aliaj allogaj iloj kaj uniformoj. Li memorigas Profesoron Einstein, la mondfama teknikisto sed mankas teknikistoj de la koroj. Vi donu la ekzemplon por la homoj en la mondo pri paca idealo, atingebla per via paca lingvo.

S-ro E. Birbaum, sekciestro ĉe la ĝenerala sekretariejo de la svisaj fed-aj fervojoj kaj reprezentanto de F.I.S.A.I.C., deziras plenan sukceson, esperante, ke Esperanto grave disvastiĝu. Bonan sukceson por via nobal celo.

La reprezentanto de la Svisa Sindikato S.E.V., S-ro W. Meier, sekretario kaj redaktoro de la sindikata organo *Der Eisenbahner* samtempe transdonas la salutojn de la Internacia Transportlaborista Federacio ITF. Via laboro estas internacia pro tio mi laŭdas vian propagandon por komuna lingvo por la tuta mondo.

Kolego Kovacic el Vieno salutas nome de la Aŭstria Fervojista Sindikato. La kultura homaro ankoraŭ ne komprenas unu la alian. Tial la sindikato forte subtenas vian agadon.

S-ro Inĝ-o L.Sekeres el Novi Sad salutas kaj deziras al la kongreso bonan sukceson nome de la Jugoslava Fervojista Sindikato kaj de la kultura organizo de la jugoslavaj fervojistoj.

Nome de la Sociala Organizo de la Germanaj Fervojoj S-ro Hasse el Frankfurt deziras al la kongreso multe da sukceso. La Sociala Organizo konas la gravan laboron de la Fervojistaj Esperantistoj kaj pro tio grave subtenas vian laboron.

Poste parolis la delegitoj de la landaj IFEF-sekcioj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio......... | S-ro Bürger | Britio........... | S-ro Parry |
| Danio........... | S-ro Brandstrup | Finlando........ | S-ro Louhavirta |
| Francio......... | F-ino Lemonnier | Germanio........ | S-ro Hasse |
| Hispanio........ | S-ro Saladrigas | Italio.......... | S-ro Zaconi. |
| Nederlando...... | S-ro Hoogendijk | Jugoslavio...... | F-ino Milisavljevie |
| Norvegio........ | S-ro Lund | Saarlando....... | S-ro Oskar Höh |
| Svedio.......... | S-ro Ohlsson | Svisio.......... | S-ro Sonderegger. |

La prezidanto de I.F.E.F., S-ro W. Stapel kore salutas ĉiujn,

kiuj nun ĉeestas la 7an IFEF-kongreson. Speciale li salutas kaj dankas la reprezentantojn de la diverslandaj Fervojaj Administracioj, Fervojaj Sindikatoj, Kulturaj organizaĵoj fervojaj kaj aliaj instancoj, ĉar ni nepre bezonas la helpon kaj subtenon de tiu flanko. Tial li ĝojas, ke tiom multaj el ili ĉeestas. Sinceran dankon de ni ĉiuj meritas LKK-on, kiu montris tiom da energio kaj oferis multe da dormo por perfekte organizi nian kongreson kaj en tio ni laŭdu la aron da helpantoj.
Li esprimas dankvorton al la eminentuloj pro la honoro al nia movado ĉeesti ĉi tiun kongreson kaj montris sian interesiĝon dum la paroladoj. Speciale li dankas Prof-on Edmund Privat pro lia valorplena helpo kaj la entuziasmigaj vortoj.

Koncize li skizas la esperigan evoluadon en la Esp-movado Fervojista ĉar kiel ĉefestraro ni konstatis gravajn sukcesojn. Aliĝis 3 novaj landoj, Sarlando, Hispanio kaj Jugoslavio, krome izolaj membroj en Usono. Ankaŭ la membronombro grave pligrandiĝis kaj la tuto donas bonajn perspektivojn por la nova jaro. Entute mi do konstatis, ke ni post sepjara ekzistado ne rajtas plendi ĉar regas en nia internacia rondo tiom da bonvolo kaj laboremo.
Per tiuj ĉi vortoj mi deklaras la 7an IFEF-kongreson malfermita.

raportis Drijfhout.

## K.E.L.I. - KONGRESO EN 1955

Tuj antaŭ la nunjara UNIVERSALA KONGRESO en Bolonjo, KRISTANA ESPERANTISTA LIGO INTERNACIA kongresos en Francujo.

De la 23a de julio ĝis la 30a de julio (matene) la anoj, simpatiantoj, interesiĝantoj estos kune en la vasta ejo de *Société des Foyers U.F.A.* en la urbo Reims.

Temoj, diskutoj, ekskursoj, distraĵoj, promenadoj k.t.p. apartenas al la vaia programo de la kongreso.
Reims estas mondfama urbo kun multe da vidindaĵoj kaj ĝi situas en ĉarma kaj interesplena parto de Francujo.
Informoj kaj aliĝilo estas haveblaj ĉe S-ro J.Argenta, 43 Rue St Georges, Paris 9, Francujo. Oni anoncu sin kiel eble plej baldaŭ.

## DEZIRAS KORESPONDI

10 - 15 jaraj infanoj kun amikoj en la tuta mondo. Skribu al:
Esperanto-Rondo Lauterecken, Pfalz, Haupstrasse 62.

Por interŝanĝi poŝtmarkojn:
Marcel Maurice, Grande Rue, Ormoy-Villers (Oise) Francio.

# NI MEDITAS PRI MAJO

Majo, la monato de floranta printempo, la monato de ama varmo, la monato de poetaj versoj, la monato prikantata de komponistoj, majo - majo, la monato kies simbolo estas arda amo. Kaj estis ĝuste tiu ĉi monato, kiu antaŭ dek jaroj donacis al la lacega kaj turmentata homaro de Eŭropo- pacon, la finon de nepriskribeblaj suferoj kaj oferoj. Ĝojradiantaj okuloj de la homoj observis ree admire kaj kun solenaj sentoj la miraklon de renaskiĝanta naturo, kaj en la koroj sonis la plej sanktaj sonoriloj de promeso: Neniam plu murdadon - ni subtenu sole niajn bonajn intencojn; ni flegu niajn ardantajn sentojn de reciproka amo kaj estimo! Ni volas estiĝi efektive la krono de la estaĵaro, kies devo ja estas regi siajn sentojn kaj tiel diferenciĝi de la simpla besto. Tio, kio okazis dum la pasintaj ses jaroj estas hontinda makulaĉo sur la ŝildo de homeco! Jes, vivu ĉiuj nacioj, vivu ĉiuj homoj, neniam plu militon!

Kaj ĉi ĉio trapenetris ankaŭ la korojn de la granda familio, la tutmonda familio de fervojistoj. Ĉar, kiu ja pleje ebligas la pacan interkonatiĝon de vastaj popolamasoj? Ĉu la reloj ne estas la brilantaj ligiloj, kiuj montras nekaŝe kien moviĝu la veturilo por enveturi amike la najbaran landon? Kaj la fervojistoj enpensiĝas - ĉu vagono ne montras la ĝustan vojon al la homaro mem? Ĝi forlasas sian hejmlandon kaj portas en si produktaĵojn de unu popolo por la bezono de la alia, ĝi portas kune ankaŭ kulturaĵojn por reciproka pliproksimiĝo de la nacioj. La radoj tuŝas relojn de diversaj landoj. La radojn prilaboris manoj de homoj; la relojn prilaboris manoj de homoj - la radoj peras premon de la manoj de unu popolo al la alia. Siblante tra miloj da kilometroj de sia vojo, la radoj flustra: Ni ne spertas ian malamon, ni ruliĝas amike kun kaj inter la ceteraj radoj devenantaj el kontraŭe situantaj mondpartoj; ni ne povas kompreni kial homoj celas malamike trakti sin reciproke! Certe ili ne estas tiel perfektaj kiel ni! - Jes, tiaj kaj kaj similaj pensoj vekiĝas en la cerboj de nia familianaro.
Kaj la sekvo? Tiun finon de milito , kiun alportis al ni la majo 1945a ni indiku - la lastan finon de tiaj abomenaĵoj kaj krimegoj.
Neniam plu militon!

Nun estas majo 1955. Nur dek jaroj pasis de post tiuj momentoj de sanktaj bonintencoj kaj ĵuroj. Vi, homoj, kiuj ĝojkantis antaŭ dek jaroj - ĉu vi aŭdas tintadon? De kie ĝi devenas? Nu, oni ludas ja denove ...per armiloj! Ĉu entute tio estas kredinda? Ĉu vi eble ne dormas malfeliĉe sonĝante? Se jes, vekiĝu, tuj vekiĝu, elŝiru la armilojn el la manoj de grimacantaj maliculoj! Armiloj estas ja tre, tre danĝeraj ludiloj, minacantaj murdi, detrui, pereigi! Kaj vi - vi volas ja vivi, vi volas ĝui la belecon de la vivo! Memoru nur, kiel terurege aspektis la detruaĵoj, kiel averte kvazaŭ fingroj de l' konscienco staris la fumigritaj nudaj muroj de viaj iamaj feliĉaj kaj florantaj hejmoj!
Kiel do ili aspektis - meze de la ĉarmo de verdiĝanta naturo?

Kaj vi ĉiuj diru al tiuj, kiuj estas respondecaj pri tio, ĉu vi ĝu-

os pacon aŭ spertos denove pereigadon: *Vi ĉiuj diras al ni, ke vi volas nur subteni la pacon, ke ĝi efektive ekregu la mondon je la beno de l'homaro. Kiel eblas, ke vi nur parolas pri paco, sed ne trovas la ĝustan vojon al ĝia efektivigo, male aliflanke vi minacas vin reciproke? Vi, kiuj timas novajn ideojn, memoru, ke neniu ideo estas venkebla per perforto kaj armiloj! Vi, kiuj proklamas novajn ideojn, memoru, ke neniu ideo estas disvastigebla per glavo! Vi ambaŭ diras al ni - la vero estas niaflanke, tiuj aliaj volas trompi vin. Kiu juĝos la pravecon de via asertado? Ni fervojistoj konsilas al vi jenon: Por krei plej efikajn kondiĉojn por la efektiva paco estas necese, ke vastaj vicoj de la nacioj interamikiĝu, renkontiĝante senpere, do sen deputitoj aŭ reprezentantoj. Kaj por efektivigi tion estas necese, ke tiuj vastaj vicoj povu interparoli senpere - de buŝo al orelo, sen interpretistoj. Kaj tio eblas, ĉar ekzistas interkomprenilo, internacia helplingvo, kiun ĉiuj homoj de la tuta mondo povas facile ellerni kaj per ĝi ligi amikecon kun kiu ajn alinaciulo. Disrompu la kulturajn barojn, ne perfortigu, ne kripligu la homan intelekton; kontraŭe ebligu al ĝi akiri la sciojn de ĉiuj ideoj, la prudenta homo elektos ja la ĝustan, la plej homecan. Sed nepre malebligu al frenezaj unuopuloj, ke ili preparu novajn terurâjojn kaj turmentojn per armiloj, kiujn vi - sub preteksto, ke io aŭ iu minacas nin - amasigis batalpretaj*.

Jes, tion ni, fervojistoj tutmondaj konsilas, kaj memore al la monato majo 1945 ni vokas: *Gloron al tiu, kiu fine kaj efektive leĝigos kaj garantiigos la pacon! Eterne regu la la paco je la feliĉo de l'homaro! Disvastiĝu senlime la internacia helplingvo, la efektiva ligilo de senpera amikeco inter la nacioj!*

-eto

## ANKORAŬ HAVEBLA

La bela kongresfoto, farita en Zurich, kaj la foto de la kompleta ĉefestraro. Post sendo de 3 respondkuponoj oni ricevos la deziratan ekzempleron de: T.Vetter, Wydackerring 107, Zurich, Svislando.

## KORESPONDPETO

Deziras korespondi kun kolegoj en la tuta mondo:
J.Broer, Javastraat 209', Amsterdam-O, Nederlando.

Kiu franca kolego deziras korespondi kun konduktoro, kiu antaŭ unu jaro lernis Esperanton, kaj nun volas praktiki la lingvon?
Skribu multnombre, ĉar la pliajn adresojn mi havigos al aliaj interesuloj en nia grupo.
A.A.C.Slijkhuis, President Brandtstraat 14 Huis, Amsterdam, Nederlando.

15-jara lernanto deziras korespondi kun angla knabo (14-15-jara)
Bonvolu skribi al Hans-Joachim Band, (24a) Lubeck-Germanujo, Wendische Strasse 48.

## KONSCIENCA DEMANDO

Antaŭ kelkaj monatoj okazis en Montevideo la decido de UNESKO, favore al Esperanto. Tiu paŝo antaŭen, eble la plej grava post la milito, instigu ankaŭ nin fervojistojn pligrandigi kaj plivastigi nian poresperantan laboron.

La plej multaj inter ni lernis Esperanton dum la lastaj jaroj. Ni interkontaktiĝis kun eksterlandanoj prefere okaze de la internaciaj kongresoj. Sed multaj vidis aŭ vidas en Esperanto pli aŭ malpli privatan okupon por plifaciligi siajn vojaĝojn eksterlanden.
Multaj gekolegoj komencis la lernadon, sed grimpinte la unuan ŝtupon de *Bonan-tagon-esperantisto* ili rezignis, ĉar *ne valoras la penon*, aŭ *antaŭ la oficialigo esperanto ja ne donas profiton*.

Kion do fari? Esperanto ne estas teknika diveno, malantaŭ kiu staras tuja profito. Ĉar ĝi ne venkas flugante la mondon pro la konataj naciaj antaŭjuĝoj, esperanto bezonis kaj bezonas jardekojn ĝis la oficialigo. Unue oni estu mem certigata, kion celas nia Internacia lingvo: Esti nia dua, nia frata lingvo krom nia gepatra.
Tio postulas, ke oni devas nepre regi ĝin. Pro tio uzu ĉian ajn okazon por plibonigi vian scipovon. Neniam oni finlernas. Vizitu la grupajn kunvenojn, ĉar tie estas Esperantujo; tie vi ekkonas novaĵojn, kuraciĝas komencantojn, kaj montras al nia Administracio, ke ni ne stagnas. Kiam venos la tago de la oficialigo, oni bezonos antaŭ ĉio vian scipovon. Do ne timu malfacilaĵojn de ekzameno. Pruvu vian kapablecon.

Due, kunhelpu por disvastigi Esperanton. Jam en la familio ekzistas ebloj. Se vi ne sukcesas ĉe via edzino, interesigu almenaŭ viajn infanojn. Ekzistas ankoraŭ tiom da kolegoj, kiuj ĝis nun ne scias multe pri nia lingvo. Oni varbu ĉiam kaj denove en la rondoj de tiuj, kiuj unufoje komencis lerni, sed *bedaŭrinde ne plu havas la tempon* por daŭrigi la lernadon. Ni ne transcedu tian agadon al la kursgvidanto aŭ aliaj aktivuloj. Kuraĝu verki mem artikoleton pri viaj vojaĝoj, kongresoj aŭ korespondado. La lokaj gazetoj interesiĝas ankaŭ pri tio. Se ne, skribu sub la rubriko: *leteroj de legantoj*.
Sciigu viajn gekolegojn kaj estrojn pri la favora decido de UNESKO.

Fine ni agnosku, ke la IFEF-kongresoj estas la kulmino en nia esperantista vivo dumjare. Ekzistas nur tri universalaj kongresoj, kaj nia estas unu el ili. Do ne hezitu partopreni ĝin. Ni sentu nin devigataj, ke ni fervojistoj povas interkompreniĝi private kaj deĵore sen malfacilaĵoj. Estu esperantisto, ne pro via privata plezuro sed kunhelpu, ke Esperanto fariĝu nia oficiala dua lingvo.

Wilhelm Barnickel.

## FERIOSEMAJNO EN NEDERLANDO

Ankaŭ ĉi-jare la Fern-grupo Zwolle aranĝos feriosemajnon okazontan de la 10a ĝis la 17a de septembro. Loĝado en kampdomo en la arbaroriĉa regiono apud Zwolle, facile atingebla per aŭtobuso.

Kostoj por la tuta semajno estas 30 guldenoj (7 tranoktoj kaj 21 manĝoj). Multaj interesaj ekskursoj per aŭtobuso kaj ŝipo. ( La partopreno en la ekskursoj estas ne-deviga) La kostoj por la ekskursoj estas proksimume 20 guldenoj.
Povas partopreni fervojistaj esperantistoj kaj ties familianoj, cetere ankaŭ ne-esperantistoj.
La ekskursoj estas proksimume la samaj kiel la antaŭaj jaroj, tamen laŭ eventualaj deziroj de la partoprenantoj ni povas ŝanĝi la programon. Jen la provizora programo:

Sabato la 10a: alveno de gastoj; akceptado en la stacidomo kaj per aŭtobuso al la feriodomo.
Dimanĉo la 11a: alveno de eventuale postvenantoj; promenado tra la ĉirkaŭaj arbaroj.
Lundo la 12a: okazo por ŝanĝi monon en Zwolle, poste per aŭtobuso al Giethoorn (Nederlanda Venecio), boatveturado sur la lago. Returne tra Meppel kaj Staphorst (folklora vestaĵo).
Mardo la 13a: ekskurso al la Nord-Orienta Poldero, la sekigita *Zuiderzee* (Suda maro), giganta akvoteknika konstruaĵo, famkonata en la mondo Vizito al *Zuiderzee*-muzeo (trovitaĵoj el la iama Suda maro). Vizito al unu el la grandaj kluzoj kaj al la iama insuleto Urk, kie la loĝantoj ankoraŭ portas malnovmodajn vesaĵojn. Poste al Emmeleroord la tute nova urbo en la Poldero.
Merkredo la 14a: ekskurso al Elburg (fiŝkaptista urbeto) kaj per ŝipo al la novkonstruota Sud-Orienta Poldero, kie ankoraŭ regas la akvo. Videblaj estas la jam parte pretaj digoj. Tra la arbaroj de *Veluwe* returne al la feriocentro.
Ĵaŭdo la 15a: ekskurso al Arnhem, vizito al la Subciela Muzeo kaj aŭtobusveturado tra la arbaroriĉa parto de Veluwe.
Vendredo la 16a' promenado tra Zwolle; estas semajna foirtago multvizitata de kamparanoj (pitoreskaj vestaĵoj).
Sabato la 17a: Vagonare al Amsterdam, boatveturado tra la grahtoj, gvidado tra la urbo aŭ ekskurso al Marken (insulo), kaj Volendam.
Fino de la feriosemajno.

La kostoj por la tuta semajno estas tre modestaj, ĉar estas reduktitaj prezoj. Ankaŭ la kostoj por la ekskursoj estas malaltaj, kompare al tio, kion oni vidas per ĝi.
Celo de la feriosemajno estas, ke fervojistoj el kiom eble plej multaj landoj partoprenu, por montri al la ne-esperantistoj la facilecon de Esperanto en la praktiko, kaj instigi ilin al lernado de la lingvo.
Faru propagandon inter viaj kolegoj, kaj se vi havas apartajn dezirojn petu informojn ĉe ĉi-suba adreso.
Anoncu vin antaŭ la 15a de aŭgusto, sed prefere pli frue.

W.GELDERMAN, WILLEM BARENTSZSTRAAT 70, ZWOLLE, NEDERLANDO.